# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

13-a jaro (Numero 1) 1934
Tutjara abono: 2.50 nederlandaj guldenoj (inkluzive aneco de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj)

**Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)**

**Redaktoro: E. J. BOLTJES.** Engelsche laan 30. **Winschoten** ((Nederlando)
**Administranto: P. KORTE.** Schoolstraat 13. **Veendam** (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544
**Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME.** 21. Glenalmond Rd **Sheffield** (Anglujo)
**Sekretario de TAGE: W. H. MOOK.** Nassauplein 15a **Groningen** (Nederlando)
**2-a Sekretario: K. H. SPORTEL.** Nieuw-Scheemda (Gr). (Nederlando)

## *Ĉe nia unua numero en 1934*

Ĵus forpasis la jaro 1933, unu el la kelkaj, dum kiuj ni vivis kaj jam komenciĝis 1934, unu el la, eble, tre malmultaj, dum kiuj ni ankoraŭ vivos. Eĉ kiam ni havas longan vivon, laŭ homaj mezuroj ĝi signifas nur momenton en la longa vico de jaroj de la homa raso. En tiu momento ni vivas, laboras.

Kiam ni estas mortintaj, niaj familianoj ankoraŭ de tempo al tempo parolos pri nia persono kaj verŝajne ankaŭ iuj geamikoj memoros nin. Sed post kelkaj jaroj, oni forgesas nian personon, niajn agojn, eĉ ne plu scios nian nomon. Nur la eminentuloj daŭre instigos la homaron kaj vivos en ĝia memoro.

Ni ne estas tiuj unuarangaj figuroj, pri kiuj la venonta generacio parolos. Sed, tamen, la homoj, kiuj vivos post cent jaroj, certe parolos pri ni. Ne pri nia persono, ne pri ni ĉiuj aparte, sed pri ni ĉiuj komune! Oni ne atentos nian personon sed niajn agojn!

Ĉiu generacio devas zorgi ke la posteuloj ankaŭ povu vivi, kaj, se eble, en pli bonaj cirkonstancoj ol ĝi mem. La tuta mondanaro zorgu por la venonta, kiel gepatroj por siaj infanoj. Prof. Th. Cart iam parolis pri konstruantoj, kiuj, laborante, scias, ke ili neniam ĝisvivos la finon de ilia laboro; ili neniam vidos la konstruaĵon preta kaj ĝuos la ripozon interne de ĝi. Tamen ili energie persistas; iliaj nomoj perdiĝos, sed restos la faroj, pro kiuj la posteuloj dankos.

La nunaj tempoj ne ĉiam estas feliĉaj; la vivo ofte malfacila, sed estas certe, ke post ĉi tiuj malagrablaj jaroj venos pli feliĉa jaroperiodo.

Por tiu periodo ni faras la preparan laboron. Tiam oni bezonos nepre internacian lingvon, tiam, kiam la »miljaraj muroj« estos iom pli malaltaj ol nuntempe. Zorgu ni, ke nia Zamenhofa lingvo staru preta por servi al la popolaro. »La nepoj« nin benos por nia persista laboro. Ni, la esperantistoj, estas la personoj, kiuj transdonos taŭgan interkomprenilon al ili. Ilia danko estos la rekompenco por nia malfacila, tamen bela laboro.

Ankaŭ en la nova jaro atendas nin tiu laboro; ke ĉiu partoprenu! Ĉiu, kiu sin nomas esperantisto antaŭ ĉio agu kiel konscia disĉiplo de Zamenhof, por ke ankaŭ lia nomo apartenu al la »diligenta kolegaro«.

Speciale al niaj kolegoj geinstruistoj ni direktas ĉi tiun alvokon: agu kaj faru almenaŭ ion por la bono de nia movado. Subtenu nian kaj vian organizojn, kiuj grave influos la disvastiĝon de Esperanto. Pripensu kiel vi plej efike povas meti vian ŝtonon en nian konstruaĵon.

Ĉe la fino de la nuna jaro, kiam alproksimiĝas 1935, ĉiu faru bilancon pri sia por-esperanta laboro. Esperu ni ke vi tiam povos esti kontenta pri vi mem kaj ke vi rajte diros:

Estis bona 1934!! *K.*

---

# *Sciigoj de la Laborkomitato*

Dum 1933 la nova laborkomitato kunvenis ĉiumonate por priparoli la aferojn rilate al TAGE kaj IPR. Ĉar la financa afero estas iom malfacila (la LK ne ricevis la kotizojn de la proksimume 300 germanaj abonantoj) IPR ne povis aperi en sia ĝisnuna formo. Feliĉe ni ricevis tre ŝatatan helpon de s-ano Bleier kiu ebligis, ke la revuo ankoraŭ unufoje aperis en decembro 1933.

Diversaj cirkuleroj estis forsendataj al la landaj agentoj por klarigi al ili la malfacilajn cirkonstancojn kaj instigi ilin por baldaŭa sendo de kotizoj kaj por varbado de novaj abonantoj kaj membroj. Ankaŭ la iamaj anoj de TAGE ricevis cirkuleron petantan ilian subtenon, por ke TAGE ne pereu. Jam kelkaj aniĝis denove. En Danujo ni sukcesis varbi agenton; eble baldaŭ tie montriĝos bonaj efikoj. La intertraktadoj, jam komencitaj de la antaŭa sekretario, pri aliĝo de ĉiuj anoj de Sveda Instruista Esperanto-Federacio ankoraŭ ne estas finitaj. Kiel en ĉiuj aferoj la krizo estas la plej granda malfacilaĵo. Nova sekcio de TAGE formiĝis en Nederlando. La sekcia estraro komencos baldaŭ viglan propagandon inter la Esperantistaj gekolegoj por anigi ilin al TAGE. Tre rekomendinda ekzemplo por alilandaj gekolegoj. Kiuj sekvos?

TAGE sendis dankleteron kaj informojn pri la organizo kaj IPR al la Ministerio por Eduko en Hispanujo, kiu ebligis ke kelkaj hispanaj geinstruistoj vizitis la kolonjan kongreson. Al Sro Dro Rasheed Abdalla, egipta parlamentano, ni sendis la statistikon de ko Naŭmann pri Esperanto en lernejo por havigi al li la materialon, kiun li povos uzi en sia parlamenta parolado pri esperanto en lernejoj kaj universitatoj. Kun la Fédération Internationale des Associations d' Instiuteurs en Parizo ni estas ankoraŭ en bona kontakto.

Pri la kunveno de TAGE en la estonta Universala Kongreso en Stockholm ni publikigos komunikaĵojn en la sekvonta numero.

*Mk.*

---

# *Grava konferenco*

okazos dum Pentekosto en Vieno. Oni pritraktos de 20 ĝis 24 majo en diversaj kunsidoj la temon: Esperanto en la lernejon kaj praktikon. La konferenco estas oficiale subtenata de la aŭstria ministerio por komerco kaj trafiko. Diversaj gravaj aŭstriaj oficialaj personoj formis la honoran komitaton. Protektanto de la kongreso estas la konfederacia Prezidanto de Aŭstrujo kaj honor-prezidanto de la kongreso estas la kanceliero D-ro Dollfuss.

La estraro de TAGE rekomendas al ĉiuj gekolegoj, kiuj povos, viziti la kongreson, precipe al la gekolegoj en Centra-Eŭropo. La provizora programo montras i. a.: E kiel unua fremdlingvo, kiel bazo por la instruado de fremdlingvoj, E kiel lingvo de korespondado, E kiel sola traduk-lingvo en internaciaj intertraktadoj, kongresoj, konferencoj, proponoj por rezolucioj pri la ĝenerala enkonduko de E en la diversajn lernejojn, kaj en la praktikon (komerco, trafiko, sciencoj, profesioj, ktp.)

Diskonigu tiujn komunikojn en viaj landaj fakgazetoj! Partoprenu la konferencon! La sukceso estos influata de la aktiveco de la Esperantistoj. Kiu povos, iru al Vieno!

La kotizo por la konferenco estas sv. fk. 12.— La membrokarto servas kiel legitimilo por senpaga havigo de rabatilo por la aŭstriaj fervojoj kaj ŝipoj, enirbiletoj por Solena Malfermo en la Parlamentejo, kaj la diversaj festaranĝoj kaj ekskursoj.

Adreso de Sekretariejo: Internacia Konferenco Vieno 1934.
Neue Hofburg, Heldenplatz Wien I.
Poŝtŝparkasa-konto (Poŝtĉeko): B 190—946.

## *PROVIZORA PROGRAMO:*

| | |
|---|---|
| *Sabato, 19. V. 1934* | Salutvespero. |
| *Dimanĉo. 20. V. 1934* | (Pentekosto) |
| matene: | Solena malfermo de la Konferenco, (en la Parlamento). |
| posttagmeze: | Vizito al Kobenzl, ekskursejo kun plej bela perspektivo al la urbo. |
| vespere: | Ĉe fama »Lastjara vino«. Specialaĵo de Vieno: bona guto da vino kaj originalaj vienaj kantoj. |
| *Lundo, 21. V. 1934* | |
| matene: | *1-a Laborkunsido / (Temo: Esperanto — peranta lingvo.*<br>1. La facila Esperanto (Provleciono laŭ la rekta metodo).<br>2. Esperanto, la unua fremdlingvo kiel bazo por la instruado de fremdlingvoj (prezento de materialo, argumentoj, spertoj).<br>3. Esperanto kiel kodo de interkompreno kaj kiel lingvo de korespondado (pri provoj kaj apliko en la praktiko, materialo, diskuto). |
| posttagmeze: | Veturado per aŭtobuso (30 minutoj) al Klosterneuburg, fama abatejo, belega konstruaĵo kun mondkonataj biblioteko, vinkelo. Restado laŭplaĉe. |
| *Mardo, 22. V. 1934* | |
| matene: | *2-a Laborkunsido (Daŭrigo): Esperanto — peranta lingvo.*<br>4. Esperanto kiel internacia helplingvo (Esperanto parolata en la diversaj kampoj: publika servo, interpretistoj, ktp. materialo, spertoj, sugestoj, proponoj)<br>5. Esperanto kiel sola traduk-lingvo en internaciaj intertraktadoj, kongresoj, konferencoj (parolado kun praktika eksperimento, la preparo de tradukisto, materialo, proponoj).<br>6. Esperanto kiel lingvo de rekta intertraktado (parolado kun praktika eksperimento).<br>Formado de labor-komisionoj. |
| posttagmeze: | Vizito de la urbo. |
| vespere: | (verŝajne) Oficiala akcepto flanke de la registaro en kastelo Schönbrunn aŭ en la Nova Kastelo en la urbo. |
| *Merkredo, 23. V. 1934* | |
| matene: | *3-a Laborkunsido / Rezolucioj.*<br>*Proponoj por rezolucioj* pri la ĝenerala en- |

konduko de Esperanto en la lernejon kaj praktikon.

7. Esperanto en la lernejo.
 a) en element. lernejoj kaj aliĝantaj lernejoj fakaj kaj de perfektigo,
 b) en mez-lernejoj,
 c) en komercaj lernejoj,
 ĉ) Esperanto kiel lektorato en altlernejoj kaj universitatoj.

posttagmeze: Vizito de la ĉambraro en Hofburg kaj de Intern. Esp. Muzeo.

vespere: Festprezentado en la Ŝtata Oper-teatro de »La Vesperto« de Strauss en germana lingvo kun kelkaj kantoj en Esperanto.

*Jaŭdo, 24. V. 1934*

matene: *4-a Laborkunsido / Rezolucioj.*
*Proponoj por rezolucioj (daŭrigo).*
8. Esperanto en la praktiko (komerco, trafiko, sciencoj, profesioj ktp.)
Proponoj de la labor-komisionoj.
Rezolucioj de la Konferenco.
Fermo.

posttagmeze: Vizito al la fama kastelo Schönbrunn kun mondfamaj ĉambraroj, parkoj, palmo-domego, bestĝardeno, ktp.

vespere: Komuna amuzado en bela parko ĉe bona manĝo kaj kun muziko kaj kanto laŭ viena maniero (»Altwiener Abend«). Partoprenos orkestro kaj la Ligo por Konservado de iamaj Vienaj Kutimoj (Altwiener Bund) en vienaj kostumoj el pasinta tempo.

*Fino de la Konferenco.*

---

# *Programo de la Radio-stacio »Vieno«*

*21. februaro:* Kortega konsilisto d-ro Fr. Wollmann, landa lernejinspektoro kaj direktoro de Ŝtata Ekzamenkomisiono por Esperanto: »Internacia Konferenco, Vieno, majo 1934, kaj la lernejo« (parte en germana parte en Esperanto).

*28. februaro:* Nikolaus Hovorka: »Modernaj aŭstriaj verkistoj«.

*7. marto:* Gustav Weber: »Metioj kaj ilia akcelado en Aŭstrio« (Verkita de eks-ministro Eduard Heinl, prez. de Radio-Wien).

*14. marto:* Reg. konsil. Hugo Steiner: »Kastelo Schönbrunn« (Disponigita de ministerio por komerco).

*21. marto:* Erwin Gerhard Bernfeld, ĉefdel. de UEA.: »Printempa vekiĝo en Karintio« (Dispon. de Trafikoficejo de lando Karintio).

*28. marto:* Ing. Hugo Steiner, juna: »Moderna Konstruado en Aŭstrio«.

La paroladoj okazos ĉiam proksimume je la 22 h. Je la fino de ĉiu disaŭdigo oni informos pri la preciza horo de la venonta parolado kaj ankaŭ pri la plej novaj informoj koncerne »Internacian Konferencon.«

---

# *KONGRESO de FIAI*
## *(Federacio Internacia de Asocioj Instruistaj) Santander*
### *(10–12. VIII. 1933.)*

Dum tiu kongreso oni pritraktis tre gravan pedagogian temon: kiamaniere oni elektu la infanojn de fundamenta lernejo por la sekvonta instruado? Lasante flanken la problemon pri la daŭro de la fundamenta lernejo (ĉu kvar jaroj sufiĉas por elekto, ĉu la fundamenta lernejo daŭru 8 jarojn) la du sekretarioj Dumas kaj Lapierre, kompilis ĝeneralan raporton el la de naciaj asocioj ricevitaj respondoj pri la situacio en la diversaj landoj.

Por plifaciligi la diskutojn la sekretarioj donis 6 tezojn, kiuj ĉiuj estis akceptataj unuvoĉe.

Jen la tezoj: 1. La celo de la ekzamenoj estas akiri la rezultatojn por efika klasifikado de la infanoj por la diversaj branĉoj de la homa aktiveco.

2. Ĉi tiu klasifikado okazu sen influo de la socia pozicio de la gepatroj (laŭ rezolucio akceptita dum la Praha-a kongreso), sed

a) bazita sur la per la elprovo montriĝantaj kapablecoj de la infanoj,

b) en harmonio kun la bezonoj de la socio.

3. La klasifikado de la gelernantoj okazu en kiel eble malplej juna aĝo kaj nur povas esti definitiva post la libera enveno de la juna homo en oficon.

4. La esploro povas ampleksi diversforme la konstaton

a) pri la akiritaj konoj,

b) pri la lerteco por ia difinita speco de estonta laboro.

5. La finkursa ekzameno (interna aŭ ekstera) pri kono kaj lerteco koncernu nur tiujn aferojn, kiuj estas pritraktitaj en la lernejo, kiel ajn la programoj estas aranĝitaj.

6. La esploroj pri spiritaj kapabloj ne estu limigitaj al unu metodo, sed en la ĉeesto de la instruisto oni apliku ĉiujn rimedojn (testojn,

restado en orientejo, longdaŭra observado de la lerneja instruistaro, ktp.)

La FIAI treege rekomendas la raportadon per specialaj oficejoj por elekto de metio, en kiu kunlaboras medicinisto, psikologiisto kaj edukisto.

En la sama kunsido oni ankaŭ priparolis alian tre gravan temon, nome la krizon de la porpaca edukado kaj ĝian solvon en la internacia ekonomia kaj aktuale politika situacio.

La 5 rezolucioj pri tiu raporto estas kun granda aplaŭdo unuvoĉe akceptitaj. La jenaj rezolucioj informas pri la grandega laboro, kiun devis fari la sekretariejo por prepari la raporton.

1. La kongreso atentigas la ĉiulandajn registarojn pri la danĝeroj por la juna generacio kaj la estonto de la kulturo, kiuj rezultos el ĉiu malpliigo de la kreditoj por instruado kaj edukado,

deklaras ĉiujn, kiuj postulas tian malpliigon, kontraŭuloj de la popolklerigo,

apelacias ĉiujn klarpensajn homojn kaj ĉiujn asociojn, kiuj volas akceli la edukadon de la popoloj por komuna agado sub la devizo: Ek por la popolklerigado!

2. La kongreso eldiras sian grandan maltrankvilecon pri la sorto de la infanoj de la senlaboruloj kaj de la senlaboraj junaj homoj,

deklaras, ke la kunlaborantaj asocioj kunhelpu kiel eble plej forte ĉiun registaran penadon kaj ĉiun laboron de la grandaj fak- aŭ kultur-organizoj, kiuj celas malpliigon de la mizeroj de gepatroj kaj infanoj,

postulas sociajn aranĝojn por okupadi la senlaborajn junajn hom-ojn kaj altigi iliajn klerigadon kaj fakedukadon,

opinias, ke plilongigado de la lerndevo ĝis la 15-a aŭ 16-a vivjaro kaj enkonduko de deviga daŭriga instruado ĝis la 18-a jaro apartenas al la plej efikaj rimedoj por kontraŭbatali la senlaborecon kaj postulas universalan enkondukon de ĉi tio en ĉiuj landoj, hontmarkas kiel milit-ema ĉiun aranĝadon de labortendaroj, kiuj servas por sekretaj milit-ekzercoj.

3. La kongreso, certigante la volon de la geinstruistoj por resti fidelaj al la internacia kunlaboro en ĉiu kampo,

opiniante, ke ĉi tiu kooperado en ekonomia kampo estas la unua kondiĉo por la bonfarto de la mondo,

deklaras, ke la geinstruistoj kun ĉiuj por la intelekta nivelo de ilia aŭdantaro taŭgaj rimedoj klarigu la necesecon de ĉi tiu internacia kun-laborado,

deklaras, ke la geinstruistoj estas pretaj por subteni la grandajn kulturajn kaj fakajn organizojn en ilia batalo kontraŭ la ekonomiaj fortoj, kiuj estas malamikaj al la internacia interkonsento.

4. La kongreso konfirmas ankoraŭ la starpunkton de la FIAI rilate al la alproksimiĝado kaj paca kunlaborado de la popoloj, kiu estas anoncita en art. 1 de la statutoj,

deklaras, ke la akceptado de ĉi tiu starpunkto estas la kondiĉo por ĉia kunlaborado en FIAI,

apelacias ĉiujn anojn por esti en ĉiuj cirkonstancoj en kaj ekster la lernejo pasiaj propagandistoj por la pacideo.

5. La kongreso, konstatante, ke malgraŭ solenaj promesoj faritaj dum la milito al la batalantoj, ankoraŭ nenio pozitiva por malarmado estas aranĝita kaj ankoraŭ nenia garantiaĵo por konservado de la paco estas kreita,

ke la principo, ke estas tolerata uzi kiel rimedo la militon, ankoraŭ ĉiam estas akceptata de ĉiuj registaroj,

estante treege maltrankvila pro la militkonfliktoj, kiuj jam realiĝis kaj ĉiam pli klare minacas,

deklaras denove, ke la tutmondaj geinstruistoj, kunlaborantaj en FIAI, volas partopreni aktive por la akcelado de la malarmada ideo kaj estas nepardonemaj kontraŭuloj de la solvado de internaciaj konfliktoj per milito,

petas al la asocioj kun duobla fervoro bataladi kontraŭ la milito, kunlaborante kun la organizoj pacifistaj de popoloj kaj de laboristoj,

petas siajn anojn, ke ili en ĉiuj okazoj uzu sian influon, kolektivaj ĉe la parlamentoj kaj registaroj, individuaj en politikaj partioj, en asocioj filozofiaj, kulturaj kaj pacifistaj kiuj ajn, por akiri progresivan, samtempan kaj kontrolatan malarmadon,

malpermeson de privata milit-industrio; devigan apelacion al internacia juĝejo,

aplikadon de ekonomia kaj financa bojkoto en la okazoj postulataj en la traktato de la Ligo de Nacioj,

eldiras la deziron, ke ĉiuj internaciaj popolfortoj sin unuigu por batali kontraŭ la militema spirito kaj kontraŭ la milito.

En la unuaj kunsidoj la kongreso priparolis la novan situacion en la germana geinstruista ligo. La disputoj, ofte tre pasiaj, kaŭzis, ke la germanaj reprezentantoj foriris. *(Mk.)*

(Kompilita laŭ »De Bode«, organo de ligo de nederlandaj geinstruistoj.)

---

# Provo de Esperanta Terminaro pedagogia kaj psikologia

*De PAUL BENNEMANN, Leipzig*

*Impulso.*

Impulso estas tre intensa sento (laŭ aliaj: senta kaj afekcia disponiteco), kiu kondukas al agoj.

Ekzistas: 1. Ennaskitaj impulsoj, t. e. la *instinktoj*, ekz. la impulso pri sinkonservado, la seksimpulso. La instinktoj evoluas sekve

de ofte ripetiĝantaj reakciaj agoj, kiuj kaŭzas certan disponitecon de la koncernaj nervoj kaj muskoloj. Tiu disponiteco plifortiĝas kaj transherediĝas tra la generacioj.

2. Akiritaj impulsoj, ekz. intelektaj, moralaj.

Impulsagoj (Triebhandlungen) estas tiaj volprocedoj, kiuj karakteriziĝas per rapida sinsekvo de la motivo kaj de la ago.

Germ.: Trieb, Angle: impulse, France: impulsion, Esp.: impulso.

*Senso.*

Senso estas la perceptado de procedoj en la ekstera mondo (eksteraj sensoj) aŭ pri statoj en la propra korpo (interna senso). La eksteraj sensoj estas dependaj de ekscitoj, kiuj efikas al specialaj aparatoj de la korpo, la sensonervoj kondukas la ekscitojn al la sensocentroj en la cerebra ŝelo, kie ili transformiĝas al sensacaĵoj, perceptaĵoj ktp.

La moderna psikologio distingas (anstataŭ la klasikaj 5 sensoj: vido, aŭdo, flaro, gusto, palpo) laŭ la karaktero de la ekscitoj:

Mekanika senso: Palpo-, doloro-, ekvilibro-, kaj aŭdsenso.
Kemia senso: Gusto- kaj flarsenso.
Termika senso: Varm- kaj malvarmsenso.
Optika senso: Vidsenso.

La interna senso estas hipoteza. Oni supozas, ke ĝi kapabligas la homon, ekkoni per sinobservado la internajn psikajn fenomenojn.

Specifa sensenergio estas la fakto, ke ĉiu sensorgano respondas diversajn ekscitojn nur per unu kaj ĉiam la sama sensaco. Ekz. al helo, kolero, premo, puŝo, elektro la okulo ĉiam kaj nur respondas per lumsensacaĵo.

Germ.: Sinn, Angle: sense, France: sens, Esp.: senso.

*Inervo.*

La influado de la nervoj al la korpo kaj ĝiaj organoj (sensorganoj, muskoloj, glandoj ktp.). La kuntiriĝo de muskolo, la sekrecio en glando estas sekvoj de inervo, de centrifuga ordono. La inervo do estas la kontraŭo de l' ekesto de sensaco sekve de sensekscito.

Germ.: Innervation, Angle: innervation, France: Innervation.

*Sentimentala.*

Ema al kortuŝaj sensacoj kaj ideoj; inklina, kunigi ĉiun travivaĵon kun elegiaj sento-reagoj. — Sentimentaleco; sentimentalulo.

Germ.: empfindsam, Angle: sentimental, France: sentimental.

*Agordo.*

La gemuta disponiteco de persono aŭ societo. Ĝi bazas sin sur fiziologiaj, fizikaj, geofizikaj k. a. kondiĉoj kaj tial povas pli malpli ŝanĝiĝi.

Logike pli bona, sed tro longa kaj tial nebontaŭga estus la formo »agorditeco de l' animo« aŭ eĉ »animagordiĝo«.

Germ.: Stimmung, Angle: frame of mind, France: disposition de l' âme.

*Dezir(ard)o.*

La imago de io ĝuinda, kuniĝinta kun la emo posedi tion.

Germ.: Begierde, Angle: desire, ardour, France: désir, ardeur.

*Plezuro.*

Fundamenta prasento de l' homo, nome la sento pri harmonio en la individuo, ankaŭ la agrabla kunsento ĉe ĝuo. — Malplezuro; plezuriga (lustbetont).

Germ.: Lust, Angle: pleasure, France: plaisir.

*Asoci.*

Imagaĵoj povas kuniĝi kaj formi komplekson. Tiu procedo estas nomata: asoco, ĝia rezultato: asocaĵo. Ekz. mi lernis: »amare=lieben«. Tiam ambaŭ vortoj asociĝis, formas asocaĵon. Kiam parto de asocaĵo revigliĝas en la psiko, ĝi kvazaŭ »tiras post si« la aliajn imagaĵojn, kun kiuj ĝi formas unu komplekson. Ekz. kiam oni flaras rozodoron, eĉ artefaritan, oni ekpensas la vorton: rozo, vidas interne rozfloron ktp. Ĉi tie estas la radikoj por psikologia kompreno de l' reprodukto de imagaĵoj.

Germ.: Assoziation, Angle: association, France: association, Esp.: asoco.

*Reprodukti.*

La trezoro de l' imagaĵoj kuŝas en la psiko ordinare en mallumo. Nur unu aŭ kelkaj malmultaj (malvasto de l' konscio!) povas esti en la lumo de l' konscio. Tiu leviĝo de l' imagaĵoj el nekonscio al konscio estas la produkto. Imagaĵoj, kiuj estas kunigitaj en asocaĵoj, reprodduktas unu la alian. Krom imagaĵoj ankaŭ aliaj konscienchavaĵoj povas esti reproduktataj.

Germ.: reproduzieren, Angle: reproduce, France: reproduire, Esp.: reprodukti.

*Iluzii, halucini.*

Iluzio estas senseraro, malĝuste komprenata sensimpreso. Don Quixote, kiu la ventmuelejojn prenas gigantoj; la knabino, kiu traktas sian pupon kiel vivantan infanon: ili iluzias (iluziiĝas) sin. Objektoj en lunlumo facile iluzias la homon. Se sensimpreso tute mankas, ekestas halucino; Makbeto haluciniĝas, vidante la murditan Bankon sidantan sur seĝo efektive neokupita. Halucino do estas pure interna, subjektiva, reprodukta procedo. Malsanoj, precipe komenciĝantaj psikaj malsanoj, facile halucinas la homon.

Germ.: Illusion, Sinnestäuschung; Halluzination, Wahn(vorstellung).

Angle: illusion; hallucination.

France: illusion; hallucination.

Esp.: iluzio; halucino.

*Fantazio.*

Fantazio estas la libera ludo de imagaĵoj kaj ties kunigo al kompleksoj, kiuj ne estas reale perceptitaj. Ĝiaj fundamentaj funkcioj do estas asoco kaj disoco (kombino kaj malkombino). Ĝia plej alta formo manifestiĝas en la artista genio.

Germ.: Phantasie, Einbildungskraft, Angle: fantasy, France: fantaisie, Esp.: fantazio.

*Memoro.*

Memoro estas la kapablo, reteni enhavaĵojn de l' konscio por estonta uzo. Ĝi baziĝas sur la fiziologia fakto, ke la nervoprocedoj, per kiuj formiĝas sensacoj, perceptoj ktp. estiĝas en la koncernataj ganglioj de l' cerebra ŝelo daŭran ŝanĝon, disponitecon, sekve de kiu ĉiu posta irito de la samaj ganglioj fluas same kiel la unuan fojon. La memoro estas bona, se ĝi facile akceptas multajn imagaĵojn kaj konservas ilin tiel, ke ankaŭ post longa tempo ili ĉiukaze povas esti reproduktataj sen ia ŝanĝo (facilo, amplekso, daŭro, pret(est)o, fidelo de l' memoro). La memoro funkcias tre ofte kiel rememoro (Erinnerung).

Germ.: Gedächtnis, Angle: memory, France: mémoire, Esp.: memoro.

*Atento.*

Atento estas la volata restado de l' konscio ĉe iu psika enhavaĵo, dum kiam la apercepta kaj asoca kapabloj estas plifortigitaj, sed direktitaj nur al la atentata objekto. Aktiva kaj pasiva atentoj estas kondiĉoj por bona memorado. »Kiu plej bone atentas, plej bone lernas.«

Germ.: Aufmerksamkeit, Angle: attention, France: attention, Esp.: atento.

*Konscienco.*

Konscienco estas la malklara sento aŭ la pli malpli klara scio pri tio, kio estas bona aŭ ne, t. e. kio harmonias kun la leĝoj de la moralo aŭ ne. Ĝi estas interna stato, kies esprimiĝo estas juĝoj pri la propraj motivoj kaj la propra karaktero de la volanta persono mem. Ĝi devenas el sociaj instinktoj kaj estas evoluata per eduko, fortigata ankaŭ per interligiĝo kun religiaj ideoj. »Por la matura kulturhomo ekzistas ne nur morala, sed ankaŭ logika kaj estetikaj konsciencoj. Kiel por volado kaj agado, tiel ankaŭ por siaj pensado kaj sentado li agnoskas devon;

kaj li scias kaj sentas kun hontiĝo, kiom ofte la nature-necesa kuro de sia vivo difektas tiujn devojn« (Windelband).

Germ.: Gewissen, Angle: conscience, France: conscience, Esp.: konscienco.

Derivaĵoj kaj kunmetaĵoj.

konscienca: scianta sian (moralan) devon kaj aganta laŭ ĝi.

konsciencriproĉo (Gewissensbiss): interna turmentanta scio pri la nemoraleco de propra ago.

konsciencdubo (Gewissenszweifel): malcerteco pri tio, kio estas — en certa kazo — morala aŭ ne. (Simile: animkonflikto).

---

# *Du facilaj ludoj por infanoj de lernludejo*

Ĉi tiuj estas ludoj, ĉe kiuj la infanetoj devas rekoni objekton laŭ ĝia silueto. Povas esti surmetado aŭ rekonado, kiu estas pli malfacila. La silueto, desegnita sur granda kartonfolio, prezentu nur la konturon de la objekto aŭ kelkajn specialaĵojn. Ĉi tiuj tre faciligas la rekonon.

Por la rapida preparado de kelke da tiaj ludaĵoj, oni povas eltranĉi el katalogoj seriojn de samspecaj objektoj: ŝuoj, ludiloj, infanoj, ĉapeloj, ktp. Antaŭ ol eltranĉi oni gluu la folion sur kartonon por akiri pli solidajn objektojn. Kiam tuta serio estas eltranĉita, oni metu la objektojn sur grandan kartonon kaj desegnu de ili la siluetojn. Sufiĉas desegni la konturojn per ĉina inko. Oni tiam havas interesan ludilon, kiun oni povas rapide fari.

*F-inoj Berger kaj Truillet*

(Laŭ: Revue scolaire de l' Ecole Libératrice)

---

# *El la instruejo*

## *Lingvo-instruo*

En diversaj lingvoj ekzistas afiksoj, per kiuj oni povas formi novajn vortojn, kvankam ne tiel konsekvence, kiel en la esperanta lingvo.

Ekzemple en la nederlanda lingvo estas sufikso, kies signifon la esperantisto tradukas per la vorto »ebla«. Mi volas nun rakonti al vi pri iu instruistino (la nomo ja ne gravas), kiu en sia klaso estas instruanta pri la vortfarado pere de la sufikso »ebl«.

Kvankam la infanoj ĉiutage ekzercas la gepatran lingvon, la malfacilaĵoj ankoraŭ ne tute forfandiĝis. Sed inter la junaj filologoj, Johano okupas konsiderindan lokon. Almenaŭ laŭ la multaj ruĝaj streketoj en lia kajero kaj la ofta ripetado de lia nomo dum unu instruhoro. Oni dirus, ke la instruistino *tre*, preskaŭ *tro*, ŝatus la belan biblian nomon, sed Johano mem ne estas tute certa pri tio. Ankaŭ en la nuna

horo, la fraŭlino antaŭ la nigra tabulo demonstracias sian preferon por lia nomo inter la multaj aliaj. La knabo sidas super sia lernolibro, kun varmaj vangoj kaj ruĝaj oreloj. Li devas formi vortojn pere de la sufikso »ebl« kaj ĵus diris: »videbla.«

»Jes, jes, bone«, respondas la fraŭlino antaŭ li. Tamen ŝi ne estas certa, ke Johano ĝisfunde komprenas la vorton kaj tial demandas:

»Ĉu vi, Johano, povas nomi ion, kio estas videbla?« La knabo pene pensas, ĝis kiam la cerbo doloras, sed ne respondas. Fantazie li vidas fortajn ruĝajn strekojn kaj aŭdas la mallaŭdan voĉon de la instruistino. Ne, li ne kuraĝas kaj silentadas.

»Nu, nu, Joĉjo, ĉu tio estas tro malfacila? Rigardu ĉirkaŭ vi en la klasĉambro; ja estas multaj objektoj, kiujn vi povas vidi. Nu, diru!«

Sed Joĉjo eĉ ne plu kuraĝas levi la okulojn; lia kapo alproksimiĝas la benkotablon, sed finfine liaj lipoj murmuras senvoĉe iun vorton, ne aŭdeblan por la aliaj. Kiam la instruistino diras al li, ke la ekzemplo estas bona, li ripetas iom pli laŭte:

»Mia pantalono, fraŭlino!«

»Jes, Joĉjo, kial tiel konfuzita? Vi komprenas ja bone! Sed ankoraŭ unu ekzemplon mi petas. Diru nun, aŭdu bone, ĉar tre malfacila ĝi estas, . . diru nun ion, kio estas *ne*videbla!« Kaj denove la kapeto malleviĝas; fruntaj sulkoj konstatiĝas la profundan meditadon; tamen tio nur daŭras mallonge. Subite Joĉjo rektiĝas energie kaj diras kun brilantaj okuloj kaj sufiĉe laŭte:

»Via pantalono, fraŭlino!« *P. Korte.*

---

## *Lernejo reformo en Nederlando*

Ankaŭ en Nederlando la tutmonda krizo sentiĝas. Sekvo: la ŝtata budĝeto devas esti malpliigata, do ankaŭ la kostoj por la instruado. Diversmaniere oni faras tion:

1-e la registaro malpliigas la salajrojn de la instruistoj,

2-e ĝi pligrandigas la infanonombron po klaso.

Antaŭ kelka tempo la instruministro Marchant proponis ankoraŭ alian projekton por ŝpari monon.

Ekzistas en Nederlando du specoj da lernejoj:

1-e la neŭtralaj, aranĝitaj de la magistrato, kutime apartenantaj al la komunumoj. La komunumestraroj elektas la instruistojn, k. t. p., la ŝtato pagas la pli grandan parton de la kostoj, la komunumoj la alian parton,

2-e la lernejoj, starigitaj de unuiĝoj, preskaŭ ĉiam sub la influo de la eklezio. Preskaŭ ĉiujn kostojn la ŝtato kaj la komunumoj repagas al la estraro de la unuiĝoj, kiu starigis la lernejon.

Nun la ministro proponas forigi la malgrandajn neŭtralajn elementajn lernejojn, proksimume 300. Kompreneble la homoj, kiuj deziras por siaj infanoj neŭtralan instruon, indigniĝis kaj postulis: se la ministro volas forigi la malgrandajn neŭtralajn lernejojn, li ankaŭ forigu la

malgrandajn ne publikajn.

La ministro defendas siajn aranĝojn. Li diras: en la malgrandaj lernejoj la instruo nepre estas malpli bona ol en la pligrandaj, la vojoj kaj la trafikiloj nuntempe estas tiel bonaj, ke pli granda distanco ne tiom malutilas. La instruo pliboniĝos kaj samtempe oni ŝparos monon.

Pri la finiĝo ni poste raportos.

—==—

## Francujo

FRANCA PROPAGANDISTO RAPORTAS:

La francia Generala Sindikat-Unuiĝo (Confédération Générale du Travail) — al kiu aniĝas i. a. la 80.000 membra geinstruista »Syndicat National« — decidis krei esperantajn kursojn (parolan kaj perkorespondan) ĉe sia »Supera Laborista Instituto«, kaj komisiis la Laboristan Esperantistan Federacion (F. E. O.) por fari tiujn kursojn.

Niaj gekolegoj pli kaj pli interesiĝas pri la esperanta movado. Jam pli ol 500 aniĝis FEO, enskribiĝis al ĝia perkoresponda kurso aŭ abonis ĝian gazeton. Ĉiumonate nun dekoj da novaj gekolegoj aldoniĝas al tiu jam konsiderinda kvanto, kaj preskaŭ duono de la izolaj membroj de FEO estas geinstruistoj!

GRAVA INSTRUISTA SINDIKATO POR ESPERANTO!

La ĝenerala federacio de l' instruado en Francujo akceptis pere de sia konsilantaro unuanime rezolucion, per kiu ĉiuj membroj-instruistoj estas petataj ellerni esperanton; krome oni deziresprimas por la enkonduko de esp-o en la lernejprogramoj kaj petas al la sindikatoj enkonduki en siaj organoj esp. rubrikojn.

(Laŭ Sennaciulo 25—I—34)

—==—

## Jules Romains pri Esperanto

Miaj multaj vojaĝoj en diversaj landoj min konvinkis pri la neceso de internacia artefarita lingvo, speciale kreita por tiu celo.

Mi kredas, ke Esperanto havas ĉiujn kvalitojn kiujn bezonas tia lingvo.

Mi kredas, ke la registaroj helpus al interkompreniĝo de popoloj kaj al la tutmonda paco, se ili enkondukus devige Esperanton en ĉiujn lernejojn, kondiĉe ke la necesaj horoj estu prenataj ne el la studo de vivantaj aŭ klasikaj lingvoj, sed EL TIU DE LA NACIA HISTORIO.

## Abonprezo de Internacia Pedagogia Revuo

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de TAGE.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guld.

Por 2.50 ned. guldenoj estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Aŭstrujo** | 8 | ŝilingoj. |
| **Britujo** | 6 | ŝil. 3 p. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 33 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj. |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 75 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svedujo** | 6 | kron. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 90544. Nederlando.

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 5 U. E. A. kuponojn de 1 Sv. Frank. aŭ 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

Sed, al ĉiuj, sendu tuj ĉar tiel vi treege plifaciligas nian laboron! !

Varbu inter viaj gekolegoj kaj alportu almenaŭ unu novan anon.

**La administranto.**

---

## AGENTOJ de TAGE

Vian kotizon akceptas. En landoj:

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE, Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstra:** (vakanta)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon. Harrow St., Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Belga:** H. Rainson. Hombeeksche-steenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Sarafov. GOLEMO SELO. (regiono Kazanlik).

**Ĉeĥoslovaka:** A. Valoušek. BRNO-MEDLANKY. Poštkonto: Brno 102169.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** Peter Frey. Claŭsensvej 26. HADERSLEV.

**Estona:** R. Gutmann. Kaupmehet, 6—1. TALLINN.

**Finnlanda:** Elmi Tamminen. Sitavuorenranta 4. A. HELSINKI.

**Franca:** F. Verot. Rue des Villas. St.-ETIENNE. (Loire).

**Germana:** (vakanta)

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd. Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Mester-u. 53. V. 7. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Koojimachi P. O. Box 1.

**Jugoslava:** Stanko Prvanoviĉ. HALOVO. p. Zajeĉar.

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas jelā N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. Iŝlaŭzas. paŝt. ag. PRIENU. VALS.

**Nederlanda:** M. van Mullem. 0.58. OPHEMERT.

**Norvega:** Nils Okland. Rommesveit. Stord.

**Pola:** B. Gluchowski. św. Wincentego 80. WARSZAWA 24. Poŝtkonto 16992.

**Sveda:** Torsten Torbjär. Mariagatan 15. a. GÖTEBORG. Poŝtkonto 43148.

**Svisa:** S-ino N. Oumansky. 12 rue Jean-Jacquet. GENÉVE.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. Californie.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Felelős kiadó: Bleier Vilmos. Készítette a Pestvidéki Nyomda Vácon. A nyomdáért Bénik Gy. felelős.